2 1 -09- 1995

4/95

# Internacia Ĵurnalisto

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# Nova estraro – nova etapo de TEĴA

## Sukcesa membrokunveno en Tampereo

**Nia membrokunveno dum la UK en Tampereo estis sukcesa laŭ pluraj aspektoj: Partoprenis ĝin entute 47 personoj (inter ili 13 gastoj); ni elektis novan estraron; ni faris plurajn gravajn decidojn, kiuj markas novan etapon de l' asocio.**

- **Estraro:** La kunveno elektis la proponitajn kandidatojn; grave estas, sendube, ke pro elektiĝo de YAMASAKI Seikô kiel nova ĝenerala sekretario en la estraro nun estas reprezentata ankaŭ Azio, kio substrekas la tutmondecon de nia asocio.
- **Radiofonio:** Per starigo de laborkomisiono de radioĵurnalistoj kaj kunlaboro kun Amikaro de Esperanto en RAdio (AERA) ni donas pli da atento al ĝis nun en TEĴA iom neglektita sekcio de Esperanto-ĵurnalismo. Okazis – ne organizitaj de TEĴA – kunveno de radioredaktoroj kaj de radioaŭskultantoj; ĉi-lastan partoprenis ankaŭ Jerzy Marek Nowakowski, estro de la eksterlanda programo de Pola Radio, kiu vizitis la kongreson dum la unuaj tagoj kaj laŭdire estis tre bone impresita.
- **Trejnado:** Post promesplena lanĉo de perkoresponda kurso por trejnadi estontajn ĵurnalistojn, kuraĝigite ni decidis, dum la venonta UK en Prago 1996 oferti praktikan kurseton speciale por redaktoroj.
- **Fakterminaro:** Ni decidis, iom aŭdace, ekataki la gigantan taskon kompili ampleksan fakterminaron, kiu kovros ĉiujn kampojn de ĵurnalistiko, (komputila) kompostado, eldonado kaj komunikad-scienco.
- **Honora Membro:** Unuanime la membrokunveno nomis nian multjaran kasiston/sekretarion d-ron Dino FABRIS nova Honora Membro de TEĴA pro liaj meritoj pri vivteno de l' asocio.
- **Financoj:** Montriĝis, ke la financa situacio de l' asocio iom pliboniĝis, kvankam daŭre en multaj landoj ni ne povas rikolti realajn kotizojn kaj pluraj okcidentaj membroj ne pagas siajn kotizojn. Tamen ni havas plu ŝuldojn. La ĉeestantaj geredaktoroj tial proponis, subteni abonkampanjon por nia fakrevuo en siaj propraj gazetoj.

### Apartaj programeroj tre interesaj

- **Universitato:** Granda grupo vizitis la fakultaton de ĵurnalistiko de l' universitato de Tampereo kaj gajnis bonegan impreson kaj multajn interesajn informojn pri edukado de finnlandaj ĵurnalistoj kaj la situacio de l' kolegoj en tiu ĉi lando.
- **Regiona ĵurnalo:** Tre interesa estis ankaŭ vizito al ĵurnalo *Aamulehti* de Tampereo, due plej granda en Finnlando, teknike ekipita plej moderne.
- **Ĵurnalistaj UK-servoj:** Bonege funkciis kaj gazetara servo kaj kongresa kuriero, ambaŭ gviditaj de profesiaj ĵurnalistoj finnlandaj.

Ĉi-loke decas danki al ĉiuj, kiuj kontribuis al nia agado en la UK de Tampereo, aparte al **Jukka Pietiläinen** pro lia engaĝiĝo pri la kroma programo por membroj de TEĴA!

## ENHAVO

KOLOFONO

**Internacia Ĵurnalisto**

Organo de

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

aperas 4foje jare

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, ☎/fakso (49)821/520385

Redaktofino de tiu ĉi numero: 5 sep 95

Kopirajto ĉe *Internacia Ĵurnalisto*

Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio

Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Presata de Flandra Esperanto-Ligo sur mediprotekta papero.

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio

Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Ĝenerala Sekretario: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio

Kasisto: Paul PEERAERTS (adreso de FEL, vidu supre)

Estraranoj:

Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando

Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Citadella (PD), Italio

ARBITRACIO KOMISIONO:

István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI

LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)

LABORKOMISIONO de radioĵurnalistoj: Estro Andrzej PETTYN, Skrytka pocztowa 46, PL-05-822 Milanówek, Pollando

LANDAJ SEKCIOJ:

Bulgara TEĴA-sekcio: Mariana EVLOGIEVA, PK 18, Drushba-2, BG-1582 Sofia

Pola TEĴA-sekcio: Zofia BANET-FORNALOWA, ul. Bliska 12, PL-05-090 Raszyn

Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

Membrokotizo/abono: 30.00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f

# Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

• **Informpetoj.** Estonte, se vi bezonas la inform-kajereton de TEĴA por ekzemple varbi novajn membrojn, ne plu petu tiun ĉi informilon ĉe la prezidanto, sed

• en Eŭropo ĉe Flandra Esperanto-Asocio,

• en Azio ĉe la ĝenerala sekretario,

• en aliaj kontinentoj elektu la por vi konvenan adreson (apude en la kolofono).

• **Membrokarto.** Se vi bezonas membrokarton de TEĴA, bonvolu peti ĝin ĉe kasisto P. Peeraerts (adreso en la kolofono), kunsendante pasportformatan portret-foton kaj 2 internaciajn respondkuponojn (se eble).

• **Membrolisto.** TEĴA ne plu eldonas presitan membroliston. Se vi deziras havi aktualan adresaron de la asociaj membroj, vi povas ricevi ĝin kontraŭ alsendo de 2 internaciaj respondkuponoj ĉe la administracio, Flandra Esperanto-Ligo (adreso en la kolofono).

• **Pagu vian kotizon por 1996!** Kiel vi povas legi en raportoj pri la membrokunveno en Tampereo, ankoraŭ nia asocio havas ŝuldon. Tial la urĝa peto: nepre akurate pagu vian kotizon por 1995! Kaj varbu abonantojn (vidu paĝo 10).



# PERSONE

## *Novaĵoj pri gekolegoj*

**István ERTL** fiere fariĝis patro. Ni gratulas ne nur al li, sed komprencble ankaŭ al patrino **Fabienne** kaj filineto **Klara Jasmine**! – La patro, cetere, en Belartaj Konkursoj rikoltis honoran mencion pro *La Plagiato*; ni gratulas ankaŭ pro tio, esperante, ke la titolo ne estas karakterizo de lia ĵurnalista laboro...

☆☆☆

**Symilde SCHENK-LEDON** estis elektita nova prezidantino de Brazila Esperanto-Ligo. La informo pri tio atingis ŝin en la flughaveno, kiam ŝi ekiris al Eŭropo por kongresi. Ĉu gratuli? Nu, ni deziru bonan sukceson!

☆☆☆

**Andrzej PETTYN** en (tre favora) recenzo en *Esperanto* (jul-aŭg 95, p. 132) titollinie nomis Manlibron pri Politiko, eldonitan de S. Maul, „maullibro“ – ĉu tute nova ĝenro en eldonado?

# Trejnado, elektoj, radio, fakterminaro

**Pri membrokunveno kaj aliaj agadoj de TEĴA dum la UK en Tampereo**

**Pri la plej gravaj decidoj, kiujn TEĴA faris en Tampereo, koncize vi povis jam legi sur la frontpaĝo. Ni ne volas tedi vin per formalaĵoj, tamen certe gravas, ankaŭ detale informi pri tio, kio okazis. Nekongresintoj bezonas tiujn ĉi informojn; ĉeestintoj eble ne notis kaj memoras ĉion. Jen do!**

## Membrokunveno – 25 jul 95

Post la malferma paroladeto de l' prezidanto (vidu sur paĝo 4) la membrokunveno akceptas la proponitan tagordon kaj decidas, ke nemembroj rajtas – kiel antaŭvidite – partopreni la kunvenon, tamen kompreneble ne voĉdoni. Sekvas la **agad-raporto** de la estraro (vidu sur paĝo 5 en tiu ĉi numero). Oni mallonge diskutas nur unu punkton de tiu raporto: la **enketon** pri gazetoj. Iuj kritikas la manieron, aliaj plendas ke ili tute ne ricevis la enketilon. Ĝenerala konkludo estas, ke oni ja eventuale ripetu ĝin, sed en plibonigita formo.

**Trejnado**

Ŝanĝante nun tamen la tagordon, oni prokrastas la kasraporton pro la fakto, ke vicprezidanto P. Gubbins ne povos resti ĝis la fino de l' kunveno; li prezentas sian raporton pri la **trejnadokurso** (vidu ĝin sur paĝo 6).

Li informas krome pri la plano, kiun la estraro en sia kunsido antaŭ la membrokunveno diskutis: aranĝi dum la venonta **UK 1996 en Prago duhoran kurson por esperantistaj redaktoroj**, laŭeble en kunlaboro kun la Informa Fako de UEA. Ĝi estu praktika ekzerco pri kelkaj oftaj taskoj de redaktoroj. Gubbins ĝustatempe preparos kaj organizos tiun ĉi kurseton. La plano, same kiel lia raporto, trovas ĝeneralan aprobon.

**Aktivaj ruslandanoj**

El la **landaj sekcioj** nur la ruslanda donas raporton. A. Korĵenkov priskribas la aktivaĵojn de ruslandaj TEĴA-anoj, menciante i. a. la proteston pro la murdo, kies viktimo fariĝis televid-ĵurnalisto V. Listjev. Krome li informas, ke baldaŭ aperos la kompendieto de TEĴA pri Esperanto por ĵurnalistoj en rusa lingvo.

Estrarano L. Kosieniak informas, ke oni intencas reorganizi la **polan** sekcion.

**Ŝuldo malkreskis**

P. Peeraerts, nome de l' administranta Flandra Esperanto-Ligo (FEL), skizas la **financan** situacion de TEĴA, atentigas tamen, ke pro la fakto, ke la asocio ŝuldas monon al estrarano D. Fabris, li ne povas doni realan superrigardon antaŭ ol koni konkretan sumon. Ĝenerale li povas konsoli la membrokunvenon: la ŝuldo de l' asocio malkreskis, sed restas probable deficito de minimume 1000 germanaj markoj. La asocion momente savas la fakto, ke S. Maul ne postulas jam repagon de kredito, kiun antaŭ tri jaroj li donis al TEĴA. Demandite, ĉu FEL spite al tio pretas daŭrigi siajn servojn, precipe presadon kaj ekspedadon de *Internacia Ĵurnalisto*, Peeraerts certigas, ke tio okazos kondiĉe ke la ŝuldo ne denove kreskos sed iom post iom nuliĝos.

**Abon-kampanjo**

En la diskutado oni unuflanke emfazas, ke daŭre tiuj membroj, kiuj kapablas fari tion, **donacu** monon al TEĴA; aliflanke oni demandas, ĉu la asocio ne gajnas iom da mono per **abonoj** de *Internacia Ĵurnalisto*. Kiam montriĝis, ke nur 2 nemembroj abonas la fakrevuon, el la kunveno venas la propono, ke ĉiu E-gazeto senpage varbu tiajn abonojn al la asocia organo. La ĉeestantaj redaktoroj tuj promesas, subteni tian varbkampanjon.

**Elektoj glataj**

Post senŝarĝo de l' estraro sekvas – sub lerta gvidado de A. Pettyn – **novelektoj**. A. Korĵenkov informas,

### Nova Honora Membro de TEĴA:

## D-ro Dino Fabris

*La estraro faris al la membrokunveno en Tampereo jenan proponon, kiun prezentis la prezidanto:*

„Laŭ paragrafo 7.1. de la statuto, la estraro proponas nomi d-ron Dino FABRIS Honora Membro de TEĴA. Fabris dum multaj jaroj, sub tre malfacilaj cirkonstancoj, administris la asocion kiel okcidenta reprezentanto, kiam la cetera estraro sidis en Bulgario. Kiel sekretario kaj kasisto li mem oferis ne nur tempon kaj energion, sed ankaŭ monon por vivteni la asocion. Ankaŭ post la refondo en Vieno li fidele daŭrigis siajn servojn. Je propono de la prezidanto, Fabris, nun jam preskaŭ 78jara, transdonis sian funkcion kiel kasisto, tamen restas en la estraro. Ni opinias, ke li plene meritas esti nia Honora Membro kaj mi petas la kunvenon, aklame aprobi tion per forta aplaŭdo."

**La membrokunveno unuanime sekvis tiun ĉi proponon kaj akceptis ĝin per longa aplaŭdo. Ni gratulas al nia nova Honora Membro!**

ke li jes pretas reeniri la estraron, sed rezignas pri posteno de vicprezidanto, precipe pro teknikaj (poŝtaj) problemoj interkomuniki kun ceteraj estraranoj. Ne estas nomataj pliaj kandidatoj. La kunveno kun grandega plimulto reelektas S. Maul kiel prezidanton kaj kiel estraranojn la kolegojn P. Gubbins, A. Korĵenkov, Yamasaki S., P. Peeraerts kaj D. Fabris. (Ili, kiel anoncite antaŭe kaj konfirmite en posta estrar-kunsido, havas jenajn funkciojn: P. Gubbins vicprezidanto, Yamasaki S. ĝenerala sekretario, P. Peeraerts kasisto, A. Korĵenkov kaj D. Fabris estraranoj.)

Oni konfirmas la konsiston de l' **arbitracia** komisiono, kiu ĝis nun neniam devis aktiviĝi. Kiel **kasrevizorojn** oni elektas Claude Rouget kaj Roland Rotsaert.

**Laborkomisiono de radioĵurnalistoj**

Grava punkto de l' tagordo estis radiofonio, konkrete kunlaboro kun AERA kaj starigo de nova laborkomisiono. La estraro prezentis pri tio jenan proponon:

„La membrokunveno aprobas starigon de laborkomisiono de radioĵurnalistoj sub gvido de Andrzej PETTYN. La komisiono zorgas pri la specialaj interesoj de gekolegoj laborantaj en Esperanto-programoj de radiostacioj ene de TEĴA kaj kunordigas la kunlaboradon de TEĴA kun Amikaro de Esperanto en RAdio (AERA) kaj aliaj koncernataj instancoj de la Esperanto-movado. Se eble kaj konvene, la laborkomisiono transformiĝu al TEĴA-sekcio de radioĵurnalistoj.“

Bruno Masala nome de AERA konkrete prezentis ideojn, celojn kaj organizan strukturon, A. Pettyn klarigis al la ĉeestantoj la gravecon de tiu ĉi iniciato kaj petis la helpon de ĉiuj membroj. Post mallonga diskuto, la membrokunveno unuanime aprobis la proponon. La komisionon krom A. Pettyn konsistigas B. Masala kaj Ahto Kaljusaar.

**Fakterminaro**

Plia grava punkto de l' tagordo estis la plano, kompili fakterminaron. Tiun ĉi ideon jam dum la TEĴA-seminario en Poprad en 1993 levis A. Korĵenkov, kiu nun prezentis konkretan proponon. Laŭ li, la terminaro kovru ĉiujn kampojn gravajn por verkantoj, ĵurnalistoj, redaktoroj kaj eldonantoj/presistoj kaj en tiu formo estos sen-

# Iom da pesimismo

## Malfermo fare de la prezidanto

Estimataj gekolegoj,

mi estas iom pesimisma pri l' estonteco de ĵurnalismo. Evoluoj lastatempaj kaŭzas al mi zorgojn. Ŝajnas al mi, ke ĝenerale amaskomunikiloj kaj ĵurnalismo iĝas pli kaj pli bagatelaj, banalaj, supraĵaj, neseriozaj. Teknikaj rimedoj evoluas spirorabe, sed pro la bela moderna elektroniko malgraviĝas kaj parte jam perdiĝas iamaj ĵurnalistaj virtoj. Grafikaj aspektoj sufokas enhavojn en presitaj komunikiloj, en televido sensaciemo kaj distro fariĝas multe pli gravaj ol informado. Aliflanke estas mirige, kian renesancon nun spertas radiofonio; eble ĝi – kiu ja ne disponas pri belaj fotoj kaj filmoj, sed devas kapti atenton de aŭskultantoj per enhavoj de kantoj kaj de parolataj tekstoj – restos la sola oazo de informa ĵurnalismo. Nu, radioĵurnalismo poste dum tiu ĉi kunveno trovos nian apartan atenton.

La drastajn ŝanĝojn de presitaj komunikiloj mi persone spertas en mia ĉiutaga laboro kiel politika redaktoro en unu el la plej grandaj ĵurnaloj de Germanio. Pro la progresinta teknologio ofertoj de inform-agentejoj kaj ĉiuspecaj informservoj minimume dekobliĝis dum la pasintaj kvin jaroj, tiel ke ni redaktoroj sufokiĝas en materialo. Sed kontraste, pro postuloj pri bela grafika aranĝo kun grandaj koloraj fotoj kaj multaj figuroj, konsiderinde reduktiĝis la spaco disponebla por tekstoj, do por informoj. Krome, en la amaso da sendita materialo kompreneble nun troviĝas treege multaj banalaj, akcesoraj kaj kuriozaj temoj. Je ili – jen la asertoj de certaj eldonistoj kaj ĉefredaktoroj – avidas legantoj. Do ili trovas lokon en gazetoj, koste de seriozaj informoj.

Nu, mi ne volas lamenti tie ĉi. Tamen la afero rilatas ankaŭ al ni esperantistaj ĵurnalistoj. Mi ekhavis tiujn ĉi pensojn nelaste pro nia kurso por trejnado de ĵurnalistoj, pri kiu ni parolos poste. Kvankam ĝi, danke al nia sperta kolego Paŭlo Gubbins, estas tre moderna kaj aktuala, ni kompreneble edukas en serioza maniero. Kaj same, se ni rigardas la bonajn Esperanto-gazetojn, kompreneble ili estas seriozaj en bona senco de ĵurnalista tradicio. Ankoraŭ esperantistaj ĵurnalistoj en sia laboro donas prioritaton al enhavoj kaj mesaĝoj. Ĉu do eble baldaŭ ni estos la lastaj mohikanoj de serioza ĵurnalismo? Aŭ ĉu ni eble estas jam terure malmodernaj kaj post kelkaj jaroj oni rigardos nin fosilioj de eksa ĵurnalistiko, dinosaŭroj mortontaj? Aŭ ĉu ni eble estos inter la malmultaj homoj, por kiuj ankoraŭ gravas kulturo, veraj valoroj de kulturo?

Mi ne scias. Sed ŝokas min pli kaj pli la ĝenerala degenero en ĵurnalistaj medioj. Eble ĝi simple estas sekvo aŭ kongruo de socia degenerado en okcidentaj landoj. Eble estas problemo de generacio aŭ mia persona problemo de maljuniĝanta homo. Do mi demandas min, ĉu en nia mikrosocio ni pordaŭre povos konservi la relative altan nivelon de la Esperanto-kulturo kaj de esperantista ĵurnalismo.

Pardonu, ke mi malfermas nian kunvenon per tiom negativaj rezonoj. Pri tiu ĉi problemo ni certe ne povos diskuti hodiaŭ; ĝi povus esti temo de seminario. Tamen ni konsideru kaj konsciu pri tiu ĉi evoluo en la diskutoj pri la trejnadokurso, pri nia laborplano kaj eble ankaŭ pri Esperanto-radioprogramoj.



*Ne finna preskoboldo, sed fama Mumino. Krom Kalevala, furore vendiĝis en Tampereo Mumin-libroj.*

**precedenca**, ĉar supozeble en neniu nacia lingvo ekzistas tia kompleta terminaro. Li atentigis, ke en la lingvo internacia ĝis nun troveblas nur rudimenta vortareto en *Manlibro pri Ĵurnalismo*, sed ke ĵus en Ruslando aperis KOMPUTIKA LEKSIKONO de Sergio Pokrovskij, kiu enhavas jam multajn terminojn, kiuj povos eniri ankaŭ la planatan novan terminaron. (Vidu recenzon pri tiu ĉi leksikono en tiu ĉi numero de IĴ.)

Korĵenkov antaŭvidas plurjaran laboradon por kompili la faktermi-naron kaj alvokis ĉiujn, kiuj kapablas kaj emas kunlabori, helpi en la kolosa tasko. Prefere ili disponu pri ebleco uzi elektronikajn retojn, sed ankaŭ sen tio ĉiu fakulo nepre kunlaboru. Li ellaboros konkretan laborplanon, kiun ĉiu interesato povas jam nun peti de li.

Intertempe jam preskaŭ pasis la tempo antaŭvidita por la membrokunveno, tiel ke la prezidanto proponis modifi la tagordon denove; li prezentis al la kunveno la estraran proponon, nomi d-ron Dino Fabris Honora Membro, kion oni unuanime akceptis. (Vidu apartan artikolon sur paĝo 3!)

**Ne plu jarlibreto**

Fine, tamen, por la aktualigo de la laborplano de TEĴA ne plu restis sufiĉe da tempo. Oni povis trakti nur unu punkton, nome la rezignon pri nova eldono de l' JARLIBRETO DE TEĴA. Kiel klarigis la prezidanto, evidente la intereso de l' cetera Esperanto-movado pri tiu broŝuro estis preskaŭ nula: ni vendis nur malmultajn ekzemplerojn. Do ne valoras foruzi tempon, energion kaj monon por reeldoni ĝin. Kroma fiasko estis, ke eĉ kelkaj gravaj Esperanto-redakcioj ne resendis la enketilon, tiel ke la parto de gazetoj estis tute nekompleta.

**Membrolisto**

Restas tamen la problemo, ke sen tia jarlibreto, en kiu aperis ankaŭ listo de TEĴA-membroj, malfacilas kontaktoj de unu membro al alia. Por solvi tiun ĉi problemon, la estraro proponis racian kaj simplan metodon: ĉiu membro rajtas kontraŭ alsendo de 2 internaciaj respondkuponoj ricevi aktualan membro-liston de la kasisto. La kunveno kun kontento aprobis tiun ĉi solvon.

**Laborplano aktualigenda**

Ĉar unuflanke mankis tempo kaj aliflanke ne ĉiuj ĉeestantoj kun la tagordo ricevis kopion de la estrara propono de aktualigota laborplano (la prezidanto simple ne estis kalkulinta pri tiom „amasa“ partopreno kaj preparis nur 20 ekzemplerojn!), la membrokunveno ne povis fintrakti tiun ĉi punkton de l' tagordo. Tamen tiuj ĉeestantoj, kiuj povis legi la proponon, ĝenerale opiniis ke ĝi estas akceptinda. Tial oni decidis, komisii la estraron pri definitiva decido. La prezidanto sekve proponis, aperigi la proponatajn ŝanĝojn en la asocia organo kaj – depende de reagoj –

# Raporto de la estraro

## Agado de TEĴA dum la pasinta jaro

Ĉar antaŭa estrar-raporto aperis en *Internacia Ĵurnalisto* numero 4/94, la nuna raporto estas relative mallonga.

• **Enketo pri gazetoj.** Kun helpo de *Eventoj* ni realigis en aŭtuno 1994 por la unua fojo enketon inter geredaktoroj, kiuj priĵuĝis Esperanto-gazetojn kaj revuojn laŭ diversaj kriterioj. La rezulton ni aperigis en IĴ n-ro 1/95. Kvankam ĝi estis sufiĉe interesa, montriĝis tamen ke la elektitaj kriterioj ne estis tute kontentigaj. La ideo estas, eble estonte trovi manieron por pli vasta enketo.

• **Subvencio de FAME.** Danke al la klopodoj de vicprezidanto Paŭlo Gubbins, kiu gvidas la komisionon pri trejnado, ni povis ricevi de FAME-fondaĵo por stimulado de internaciaj kompreniloj subvencion de mil germanaj markoj por nia perkoresponda kurso. Pri la kurso mem poste raportos Paŭlo Gubbins.

• **AERA.** La prezidanto partoprenis la preparajn laborojn por starigi Amikaron de Esperanto en RAdio (AERA), esperante ke kunlaboro de TEĴA donos reciprokan utilon. Pri AERA ni aŭdos poste detalojn.

• **Internacia Ĵurnalisto** ekde numero 1/95 estas kompostata kaj enpaĝigata per alia komputila programo. Ĝi ebligas parte pli bonan grafikan aspekton, sed la plej granda avantaĝo estas, ke ni povas iom ŝpari monon, ĉar la presejo nun ricevas prespretajn paĝojn. La novan komputilan programon, cetere, ni ankaŭ dankas al FAME-fondaĵo.

Pri la enhavo devas juĝi la membroj, sed ili ne tro plendu: al la redaktoro daŭre mankas materialo, ĉar niaj gekolegoj ja skribas por multaj aliaj gazetoj, sed ne por nia fakrevuo.

• **Distingo de Heroldo.** Almenaŭ mencii mi volas, ke eldonejo *Heroldo de Esperanto* en 1994 ricevis la kulturpremion de FAME-fondaĵo. Pri tio ni povas fieri, ĉar ne tre ofte oni tiamaniere agnoskas ĵurnalistojn. Mi petas vian gratulan aplaŭdon!

akcepti novan laborplanon per estrara decido aŭ prokrasti tion ĝis la venonta membrokunveno. Vi trovas la tekstojn do en tiu ĉi numero de IĴ sur paĝo 9.

☆☆☆

En posta kunsido la nova estraro ne akceptis iujn pliajn decidojn, nur konkretigis diversajn punktojn de la membrokunveno. Pri ĝi aperis ankaŭ konciza raporto el la plumo de l' ĝenerala sekretario en la kongresa kuriero.

Pri diversaj asociaj aferoj bonvolu ankaŭ atenti la oficialajn informojn sur paĝo 2; tie vi ankaŭ trovas – kiel kutime – la adresojn de ĉiuj estraranoj.

# Trejnado de ĵurnalistoj

## Raporto de komisionestro Paul Gubbins

La ĵurnalista trejnado-kurso prepariĝis dum 1994 kun baza, fundamenta principo: plialtigi kaj kvalite kaj kvante Esperantan ĵurnalismon. La kurso konsistas el 8 korespondaj lecionoj, kiuj rilatas al specifaj temoj kiaj ekz. teknikaj, etikaj aspektoj, plus kiel verki raporton, recenzon, intervjuon. Ĉiu leciono kunligiĝas kun ekzercoj aŭ eseecaj aŭ ĵurnalisme praktikaj. La kurso referencas kaj iasence kompletigas *Manlibro pri Ĵurnalismo* verkitan de Junger/Maul.

La kosto de *Manlibro pri Ĵurnalismo* inkluziviĝas en la kurs-kotizo, fiksita je unu jar-abono de *Monato* (aktuale 66 DEM). Tamen danke al la malavaro de FAME-fondaĵo, kiu disponigis al TEĴA 1000 DEM, kaj al la redakcio de *Monato*, kiu konsentis pagi kunlaboranto-kotizojn, la kostoj de la unua jaro kovriĝas: neniu studanto fakte pagis sian kotizon.

### Eksperimenta fazo

Tiu situacio, laŭ mi, tute enordas, ĉar la trejnado-kurso, ja ĵus lanĉita, estas iom eksperimenta, iom prova. Sendube, surbaze de la komentoj kaj reagoj de la unuaj studantoj, la kurso poluriĝos ... kaj ne decus postuli monon pro kurso ankoraŭ evoluanta. Jam rimarkis mi kelkajn malglataĵojn en la kurso; same, plej verŝajne, aliaj docentoj kaj studantoj. Tamen mi ne proponas enkonduki ŝanĝojn ĝis post almenaŭ kelkaj kandidatoj estos trastudintaj la tutan materialon.

Kaj jam okupiĝas pri la kurso 10 studantoj. Tio estas: 10 studantoj resendis la unuan lecionon kaj ricevis duan. El tiuj 10 mi scias, ke almenaŭ unu jam kompletigis la 5an lecionon; pluraj aliaj laboras super la 3a aŭ 4a. Almenaŭ du kredeble ne plu aktivas; eble tamen ne tute fidinda poŝt-servo ludas rolon.

### Kontentiga komenco

Tia kurs-partoprenado sufiĉe kontentigas. Fine de 1994 dissendiĝis unua leciono kaj regularo al 26 interesatoj en ĉiuj partoj de la terglobo. Ricevo de 10 lecionoj – almenaŭ iompostioma, kio kaŭzis al mi dum la unua parto de la nuna jaro kelkajn zorgojn – signifas ĉ. 40-procentan sukceso-kvoton. Tutcerte komerca entrepreno fierus pri tia rezulto.

Aliflanke, tamen, mi malĝoje konstatas, ke kun du esceptoj – Ĉinio kaj Sud-Ameriko – ĉiu nuna partoprenanto estas eŭrop-loĝanta. Ŝajnas, ekzemple, aŭ ke la kvar unuaj lecionoj senditaj al Afriko perdiĝis ... aŭ ke la ricevintoj decidis, ke la resendo-kosto ne tolereblas. Tion mi forte bedaŭras, ĉar la kurso aparte helpus tiujn, kiuj normale ne havus aliron al tia trejnado. Eble la TEĴA-komisiono devos konsenti pri sendo de internacia respond-kupono kun ĉiu leciono al kandidato en lando nepagipova.

### Danko al docentoj

Konklude: la kurso ekruliĝis; ne perfekte, sed pli kontentige ol mi unue kredis ... sed ĝi ne realiĝus sen la dediĉo de la docentoj, kiuj prikomentas kaj poentigas la studantajn taskarojn. Ne kredu, ke temas pri simpla aprobo; malaprobo; pri kvinminuta, antaŭ-televidekrana flankokupo. Male: la studantoj konsiliĝas ... kaj, vidinte la komentojn de unu el la docentoj, mi povas certigi, ke temas pri tut-vespera, preskaŭ tut-taga laboro. Do mi deziras danki al Stefan Maul kaj Evgeni Gerorgiev, kiuj respondecas pri po tri studantoj, kaj Will Green, al kiu pasintsemajne mi sendis la eseojn de lia unua studanto. Al la docentaro: gratulon, kuraĝon kaj dankon. Kaj same – memvidente – al la studantoj.

Finkonklude: dum preparo, dissendo de la kurso (fotokopiado, afranko) mi elspezis 31.06 pundojn (= 66 DEM – koincide, sumo egala al la kurs-kotizo). Kvitancoj montreblas ... sed nia kasisto sciu, ke mi rezignas pri repago. Fakte, pli granda sumo elspeziĝis: tamen ĉe la laborejo oni ne rimarkas uzon de fotokopiilo, de papero ... kaj certe, se oni scius, ke uzatas la ekipaĵaro Esperanto-cele, mi estas certa, ke ili aprobus. Do, dankon al la okupiteco de miaj ĉefoj!

Kaj dankon al vi, kiuj min pacienco aŭskultis!

# Du vizitoj interesaj kaj informriĉaj

## Eksterkongresa programo

**Dum la UK en Tampereo okazis du vizitoj, al kiuj estis invititaj niaj membroj: al la universitato kaj al ĵurnalo *Aamulehti*. Ilin preparis, interkonsente kun la TEĴA-prezidanto, Jukka Pietiläinen, profesia ĵurnalisto, redaktoro de l' kongresa kuriero kaj prezidanto de Esperanto-Asocio de Finnlando.**

### En la universitato

15 personoj partoprenis la viziton al la Fakultato de Ĵurnalistiko kaj Komunikad-Scienco de la universitato de Tampereo, mardon posttagmeze, antaŭ la membrokunveno. Akceptis kaj informis nin ĉefa pro-

fesoro Kaarle Nordenstreng, kiu tamen nur parte povis ĉeesti, kaj docentino, kiu detale klarigis ĉion kaj demonstris la ekipaĵojn. Perfekte tradukis Jukka Pietiläinen, kiu mem laboras en la fakultato.

Instituto, el kiu post la 2a mondmilito estiĝis la fakultato, fondiĝis jam en 1925 kaj sendube estas pro tio la plej malnova institucio de ĵurnalistiko sur scienca nivelo en Eŭropo. El la 120 studentoj, kiuj ĉiujare komencas unversitatajn studojn de ĵurnalistiko en 3 fakultatoj de Finnlando, 80 eniras la universitaton en Tampereo. Ili, cetere, ĉiuj devas perfekte regi la anglan lingvon, ĉar la kurslibroj estas anglaj!

Eblas studi ĵurnalistikon kiel ĉefan aŭ 2an studobjekton. En la unua kazo necesas elekti duan fakon – tre ofte fremdan lingvon. En la dua kazo ofte estas studentoj, kiuj volas labori ĵurnaliste en sia fako. Krom teoriajn sciojn, la studentoj akiras praktikajn lertojn per verkado kaj eldonado de gazetoj kaj en la radiostacio de l' universitato, kiun bedaŭrinde ni ne povis viziti, ĉar pro ferioj ĝi estis jam fermita. Por televido oni havas staĝojn en la publika stacio en Tampereo. Krome la studentoj akiras praktikajn spertojn en fotografado, por kio ekzistas propra fotolaboratorio en la fakultato.

En Finnlando laboras 7000 - 8000 ĵurnalistoj, kutime oni bezonas ĉiujare 200 - 300 novajn. Sed lastatempe ankaŭ en tiu ĉi lando inter la ĵurnalistoj troviĝas pli kaj pli multaj senlaboruloj kaj la ŝancoj por novaj ĵurnalistoj, akiri postenon, ne plu estas tiom bonaj. Ja estiĝis multaj lokaj radiostacioj, sed nur komence oni dungis profesiajn ĵurnalistojn; nun oni „nur ludas muzikon kaj iom babilas", klarigis la docentino.

En sia danko, TEĴA-prezidanto S. Maul diris i. a., ke eksterlande oni taksis Finnlandon paradizo de ĵurnalismo, ĉar kiel konate la finnoj estas inter la plej legemaj homoj, sed ke nun „konsolite ni foriras, ĉar ankaŭ via lando ne plu estas tia paradizo".

## Ĉe *Aamulehti*

La dua vizito okazis vendredon posttagmeze kaj kondukis nin al la ĵurnalo *Aamulehti* (= Matengazeto). Bedaŭrinde partoprenis nur 6 personoj, inkluzive de nia gvidanto, Sakari Kauppinen, kiu modele tradukis kvankam li ne estas fakulo.

Akceptis nin ne nur redakciano, kiu klarigis kaj montris ĉion al ni, sed eĉ la ĉefredaktoro mem, kiu parolis pri sia redakta politiko kaj ne silentis pri problemoj. Tiu ĉi vizito estis aparte interesa komprenebIe por tiuj TEĴA-anoj, kiuj mem ne laboras en ĵurnala redakcio. Ili ekkonis tre moderne ekipitajn ĵurnalejon kaj presejon, plaĉe arangâtan gazeton kun multaj koloraj fotoj. *Aamulehti* estas, kun eldonkvanto de pli ol 130 000 ekzempleroj tage, la due plej granda ĵurnalo de Finnlando kaj parto de plursekcia kompanio, al kiu apartenas i. a. libro-eldonejo, elektronika inform-servo kaj presejo.

Kaj, kia koincido, kiam la ĉefredaktoro eksciis, ke Stefan Maul estas redaktoro de *Augsburger Allgemeine*, li informis ke nur antaŭ kelkaj monatoj la kompanio aĉetis novan presmaŝinon el Aŭgsburgo!

La ĉefredaktoro, cetere, emfazis sian konvinkon, ke spite al plej modernaj elektronikaj komunikiloj, presitaj gazetoj tenos sian pozicion.

Rimarko: Domaĝe, ke nur tiom malmultaj TEĴA-membroj partoprenis tiun ĉi ege interesan viziton. Pri tio parte kulpas la prezidanto, kiu dum la membrokunveno forgesis ankoraŭfoje atentigi pri tiu ĉi eksterkongresa programero. Aliflanke, tamen, eble 2 tiaj programeroj dum UK estas tro multaj kaj estonte ni kontentiĝu pri nur unu. (sm)

## Iom da mistifiko

### La kongresa kuriero

**Kompreneble, la kongresa kuriero de l' UK en Tampereo estis perfekta - nenion alian ni ja atendis, sciante ke redaktos ĝin Jukka Pietiläinen, profesia ĵurnalisto, redaktoro de *Esperanto-lehti*, organo de l' Esperanto-Asocio de Finnlando.**

Sian nomon ĝi prunteprenis de *Vekilo*, klubgazeto de esperantistoj en regiono de Tampereo. Strange, tamen, *Vekilo kongresa* ja montris vekhorloĝon en ĉiu numero kun ĝuste la koncerna numer-cifero – sed nenie en la gazetokapo oni trovis indikon, ke temas pri la kongresa *kuriero*. La redakcio mistifikis la legantojn per sinsekvaj ka-




kongresa karuselo ............................................ julio 24 lundo

**Veki o kongresa**




**Historiaj eventoj dum la Inaŭguro**

**Repaciĝo inter UEA kaj Lapenna**

La Inaŭguro de la kongreso finiĝis per la adiaŭa festparolo de **John**

**Finnlanda prezidento ricevis Zamenhof-premion.**

Al la prezidento de la respubliko de Finnlando **Martti Ahtisaari** estis

**R. Selten kaj H. Tonkin en la Honoran Patronan Komitaton**

La komitato de UEA akceptis inter

rakterizoj „kongresa(j) kariero – kariolo – karuselo – kaserolo – katedralo – kalandrilo – kalemburo“ kaj ni vetas, ke multaj kongresanoj nur hejme sukcesis eltrovi kelkajn el tiuj terminoj (aŭ ĉu vi tuj scias, kio estas kalandrilo?).

**Falsa modesteco?**

Iom domaĝe, ke la redakcio tute rezignis pri kolofono. Modesteco ja estas laŭdinda, sed kongresanoj emas scii, kiuj gekolegoj regalas ilin per aktuala gazeto. Domaĝe ankaŭ, ke – simile kiel en preskaŭ ĉiuj UKoj – la kongresa kuriero en Tampereo ne ĉiutage aperigis rubrikon pri plej gravaj novaĵoj el tuta mondo.

Kial la gekolegoj ne sekvas la ekzemplon de l' tiama kuriero en Aŭgusburgo antaŭ dek jaroj? Ĝi aperigis ĉiutage ne nur veterprognozon (kiu en Tampereo estus ege simpla kaj ĉiam sama: suno) sed ankaŭ koncizajn informojn el ĉiuj ĵurnalismaj sekcioj. Ĝuste en Finnlando, kie eksterlandanoj pro lingvaj obstakloj – pli multe ol en multaj aliaj eŭropaj landoj – praktike ne povas informiĝi per lokaj ĵurnaloj, estus grava rubriko tia. Certe, ne estas nepra tasko de kongresa kuriero, sed kroma servo, pri kiu kongresanoj estus dankemaj.

Tamen oni rigardu tiun ĉi rezonadon ne kiel kritikon, sed kiel sugeston por postaj kongresoj! (sm)

## Gazetaro pri ni

La loka kaj tutlanda gazetaro aperigis pri esperanto kaj la kongreso bonajn artikolojn, sed la efiko ne estis tiom granda kiel oni povus esperi. Plurajn facetojn de la kongreso la komunikiloj simple malatentis. Ekzemple pri la partoprenanto el Sarajevo la loka gazeto Aamulehti ne publikigis ion ajn.

La plej grandan bruon kaŭzis la ĵaŭda informo, ke Finnlando ne donis vizojn al kvar zairianoj kaj unu ganano. Al la portebla telefono de Kalle Kniivilä, la informanto de la kongreso, alvenis pluraj telefonvokoj. La novaĵo aperis ankaŭ en Helsingin Sanomat, la plej granda taggazeto de Finnlando.

Helsingin Sanomat aperigis vendrede ankaŭ intervjuon kun Kalle Kniivilä pri esperanto kiel hejma lingvo kaj artikolon pri esperanta muziko.

Pluraj radiokanaloj elsendis programon pri la kongreso, inter ili ankaŭ la kuba radio, kies hispanlingva redaktoro vizitis la kongreson. Mark Fettis estis telefone intervjuata de CNN kaj la komunikaĵo de Reuter estis publikigita i.a. en moskva taggazeto Segodnja. Ankaŭ prilingva redakcio de finnlanda televido filmis en la kongreso por farota programo.

La renoma radioprogramo “El ĉiutaga monda politiko” temis vendrede plene pri esperanto.



*La supra teksto pri la gazetara servo aperis en Vekilo kongresa numero 7 de 29a de julio*



# Kongresanoj tiaj kaj aliaj

*TEĴA-membroj aktivis multmaniere dum la UK en Tampereo, ne nur por kaj ene de nia asocio. Jen kelkaj ekzemploj:*

**Aleksander Korĵenkov, Symilde Schenk-Ledon kaj Yamasaki Seikô** suferis pro la multaj kunsidoj de l' komitato de UEA.

**Mark Fettes** faris bonegan paroladon pri UN dum la inaŭguro kaj kompreneble laboregis en multaj kunvenoj kaj kunsidoj. Kiel unu el la malmultaj antaŭaj estraranoj li eniris la novan estraron de UEA kiel ĝenerala sekretario. Ni esperu, ke en tiu ĉi funkcio li ne hezitos subteni nian fakasocion...

**Gilbert Ledon** amuzis nin per sprita (eble eĉ klaŭneca, laŭ aserto de iu sinjorino...) gvidado de l' aŭkcio, kies enspezo disponiĝis por agado en Latin-Ameriko. Ne hazarde do li kiel brazilano vendis aŭkciaĵojn. Unu el ili estis la unua prospekto de Teo Jung, kiu varbis por abonoj al ĉiutaga (!) ESPERANTO TRIUMFONTA; ĝin akiris Eliza Kehlet, kiu poste donacis ĝin al la prezidanto de TEĴA. Dankon!

**Ĵak Le Puil**, redaktoro/direktoro de *La KancerKliniko* kaj fama kanzonisto, krom du kanzonojn en la Internacia Arta Vespero prezentis du propran koncertojn. En ambaŭ li kantis du novajn kanzonojn, kies tekstojn verkis **Stefan Maul**; unu el ili, skandale, temas pri – furzoj...

**Paŭlo Gubbins** devis antaŭ la fino forlasi nian membrokunvenon por viziti sian filinon en la Infan-Kongreseto. Ĉiuj komprenis, ke TEĴA ne rajtus kulpi pri infanaj larmoj, ĉar la patro ne venus!

En la aŭtoraj duonhoroj en la libroservo pluraj TEĴA-membroj prezentis siajn verkojn, i. a. **Marjorie Boulton, Paŭlo Gubbins, Andrzej Pettyn** kaj **Stefan Maul**; ties ĉi *Manlibro pri Politiko* tamen jam estis elvendita, sed bonŝance aŭskultis krom gefamilianoj, geamikoj kaj kunlaborintoj nur du aliaj personoj...

Ni ne scias, kiom da TEĴA-membroj partoprenis la belartajn konkursojn. Sed fakto estas, ke nur unu – **István Ertl** – rikoltis ion: honoran mencion.

En la unua sesio pri la kongresa temo pri la vivmedio prelegis du membroj de TEĴA: **Gilbert Ledon** kaj **Stefan Maul**. La unua furoris pro provokaj veroj kaj faktoj; tamen la gvidanto de la sesio asertis, ke lia teksto estas „nepublikigebla“. La dua babilis pri siaj matenmanĝaj kutimoj, tiel ke nun tuta Esperantujo scias pri lia piro-manio.

Kiam ajn **Ĵak Le Puil** estas en teamo de la kongresa kvizo, tiu ĉi teamo gajnas grandioze – kompreneble same okazis en Tampereo. Pro siaj pluraj aktivaĵoj en la kongreso li ricevis iom malpli ol cent da ekzempleroj de *Kalevala* kaj tutan florbutikon da bukedoj...



# Aktualigo de la laborplano de TEĴA

**La membrokunveno en Tampereo ne havis sufiĉe da tempo por diskuti la aktualigon de la laborplano de TEĴA, kiun proponis la estraro. Tial la kunveno decidis, aperigi la ŝanĝoproponojn en nia fak-organo kaj peti komentojn de la membroj. Ĉar en la kunveno ĝenerale oni tamen opiniis, ke la ŝanĝoj estas aprobindaj, la estraro estis komisiita fine decidi pri la laborplano, surbaze de eventualaj reagoj.**

Vi trovas ĉi-sube la tekstojn, kiujn vi povas kompari kun la ĝis nun valida laborplano, akceptita en Vieno en 1992. Tiun laborplanon ĉiu membro posedas aŭ en la Jarlibreto de TEĴA, eldonita en 1994, aŭ – se poste aliĝinta – en la informilo, kiun ni alsendis kun la aliĝilo.

Atentu, ke la laborplano havas du partojn:

**1. Tujaj celoj.** En tiu parto la modifoj koncernas la punktojn 2 - 2.3 kaj 3 (komplete). Aldoniĝas nova punkto 5.

**2. Aliaj - eble malpli urĝaj - celoj.** En tiu parto modifoj koncernas punktojn 2 kaj 4. **Komputoroj** (kiu estonte estos punkto 7). Aldoniĝas novaj punktoj 4 - 6.

**La estraro petas vin, sendi komentojn, kritikojn kaj sugestojn ĝis plej malfrue 15a de novembro, tiel ke ĝi povos decidi ĝustatempe por aperigi la novan laborplanon komplete en numero 1/96 de IĴ.**

*Estonte, post aperigo en nia organo kaj do ekde tiam oficiala, la aktualigita laborplano troviĝos en la inform-kajereto de TEĴA.*

2. **Trejnado.** Ĵurnalistoj (esperebIe) ne bezonas trejnadon, tamen ili povas - kaj por antaŭenigi TEĴA-on devos - gvidi neprofesiulojn sur tiu kampo. Trejnado tiel realiĝu:

2.1. per perkoresponda kurso, kiun precipe povas partopreni ankaŭ junaj talentuloj en evolulandoj, kiuj ne povas vojaĝi al staĝoj, seminarioj kaj kongresoj;

2.2. per praktikaj trejnado-sesioj dum kongresoj, per apartaj seminarioj pri trejnado;

2.3. per kursoj en la morfosicenca sekcio de Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS);

3. **Internacia Ĵurnalisto.** Nepras subteni la redaktoron de IĴ per artikoloj. Ĉiu membro kontribuu pri eroj koncerne sian profesion, sperton, vidpunkton - kaj ju pli vigla, pensiga, vasta la artikolaro, des pli leginda, aboninda la revuo, pri kiu oni fieru en la neesperanta mondo.

5. **Radiofonio.** TEĴA kaj *Internacia Ĵurnalisto* subtenu kaj helpu, en kunlaboro kun Amikaro de Esperanto en RAdio (AERA), la gekolegojn de radiostacioj, kiuj elsendas Esperanto-programojn. Tio okazu ankaŭ fare de aparta laborkomisiono de TEĴA kaj eble foje propra TEĴA-sekcio de radioĵurnalistoj.

2. **Ĵurnalista adresaro** de redaktoroj, verkistoj, radiostacioj, fotistoj, eldonata de tempo al tempo, utila por TEĴA-anoj kaj la Esperanto-movado, bona propagandilo por sendi al la neesperanta gazetaro;

4. **Enketo.** Regula enketado pri plej bonaj kaj popularaj Esperanto-gazetoj, jen inter geredaktoroj, jen inter ĉiuj esperantistoj, por tiel elstarigi pintajn gazetojn kaj eventuale „akuzi" fuŝajn;

5. **Ekspertizo.** Ekzistantaj kaj planataj periodaĵoj povu (kontraŭ pago) mendi fakan ĵurnalistikan ekspertizon de TEĴA pri la produkto, cele al plibonigo aŭ rekomendo pri realigo/nerealigo;

6. **Terminaro.** Ampleksa kaj detala fakterminaro pri ĵurnalistiko, kompostado, eldonado kaj komunikad-scienco mankas en la lingvo internacia. TEĴA povus kaj devus plani kaj realigi tian terminaron, tamen pro la kosto bezonos financan subtenon;

7. **Komputoroj** - kunordigo de komputoraj retoj, por faciligi transdonon de informo ene de Esperantujo kaj por starigi kontaktojn kun eksteraj organizoj (vidu 1. supre). Ĉu inter ni estas fakulo(j)? - Subteno de esperantlingvaj tekstoprogramoj kia estas *Ĉapelilo*, kiuj alportas avantaĝojn al esperantistaj ĵurnalistoj kaj eldonantoj.

---

RECENZO

# Ĉiel admirinda

## Komputika Leksikono

Mirinda verko, admirinda aŭtoro! Jen la unua impreso post trafoliumo de „Komputika Leksikono" de Sergio Pokrovskij. Kiel unu sola homo povas kompili, strukturi, verki, prespretigi tian libron, demandas sin la recenzanto, iom sperta pri tia laboro. Eĉ se li havis ioman helpon de germana komputika fakulo Martin Weichert [Vajĥert] kaj eĉ se reviziis la tekstojn (TEĴA-estrarano) Aleksander Korĵenkov, restas la admiro pri tiu ĉi formika laborego.

Kaj la admiro kreskas, kiam oni pli profunde esploras la verkon kaj malkovras pli kaj pli multajn kvalitojn: klaran stilon, kompreneblecon spite al la tre multaj fakterminoj, abundajn referencojn kaj resendojn, lingvajn klarigojn kaj konsilojn, koncizecon evitantan superfluajn balastaĵojn.

**Por ordinaruloj**

Laŭ sia deklaro, Pokrovskij celas kaj fakajn kolegojn kaj ĝeneralan

publikon, do ordinarajn uzantojn de komputiloj. Tia estas la recenzanto. Komplimento al la aŭtoro: mi bone komprenas tion, kion mi bezonas aŭ kion mi volas ekscii. Evidente do li atingis ankaŭ sian alian celon, nome verki iuspecan lernejan libron pri la fako.

En la enkonduko Pokrovskij rezonas pri bezono de tia verko en Esperanto, ĉar iuj asertas ke la komputika lingvo estas la angla; tial en multaj etnolingvoj tute ne ekzistas tia leksikono. Pokrovskij tamen ne simple tradukas anglajn terminojn, sed eliras de Esperanto. Tial ekzemple li ne sklave kopias la anglan *icon* per ikono sed uzas la ĝustan Esperanto-vorton piktogramo. Aŭ: la fifaman *dokumenton* li senmaskigas kiel simplan *tekston*. Alia ekzemplo estas *formato*, vorto kiun usonaj komputikistoj misuzis por indiki ion tute alian ol enhavas tiu ĉi tipografia termino. Oni kvazaŭ aŭdas grinci la dentojn de l' aŭtoro, enmetanta la vorton. Do li aldonas: „La vorto estas aĉa kaj plursenca, sed tre internacia, kaj malprobablas, ke la fakuloj povus akcepti ion alian. Laŭeble oni limigu la uzojn de F al la okazoj, kiam temas pri fizika (geometria) aranĝo de la datumprezentoj; en multaj okazoj – sed ne ĉiam – sufiĉas la vortoj pli trafaj kaj abstraktaj: *aranĝo* (ekz-e aranĝosimbolo), *formo*, *strukturo*, *sintakso* (de komando) ktp."

Fine kaj grave: la leksikono plene adoptas la bonan Esperanto-formon komputilo; eble tiel finiĝos la diskuto pri anglecaj komputoro/komputero.

Aliflanke, Pokrovskij ja estas realisto kaj do ne neglektas la fakton, ke la angla estas la nuna internacia komputika lingvo. Kaj li trovis treege bonan kaj simplan, ĉar por uzanto tre praktikan metodon, trovi (2020) anglajn fakterminojn kaj la respondajn esperantajn: li alfabete listigas ilin kun traduko inter la 1960 Esperanto-kapvortoj.

**Tipografiaj terminoj**

Kroman meriton akiras la aŭtoro pro enmeto de multaj tipografiaj terminoj, kiuj estas bezonataj por verkado kaj redaktado per komputiloj. Efektive TEĴA povos ĉerpi abunde el tiu ĉi leksikono por la planata ampleksa fakvortaro pri ĵurnalistiko, kompostado, presado kaj eldonado.

Nura ĝeno, pri kiu kompreneble ne kulpas la aŭtoro, estas la jen kaj jen iom pala preso, bedaŭrinde ofte trovebla en ruslandaj eldonaĵoj. Tamen, bonŝance, en ĉiuj kazoj la recenzanto sukcesis ekkoni la koncernan literon.

Ni danku, cetere, ne nur al la aŭtoro sed ankaŭ al eldonejo Sezonoj, kiu aŭdacis surmerkatigi la leksikonon.

Stefan MAUL

Sergio Pokrovskij, KOMPUTIKA LEKSIKONO, eld. Sezonoj, Jekaterinburg, 1995. 365 p., formato DIN A5. UDK 681.3(038)=089.2. Prezo 36 NLG (660 BEF + sendkosto ĉe Flandra E-Ligo). Vi povas mendi ankaŭ rekte ĉe Sezonoj, p. k. 162, RU-620014 Jekaterinburg-14, Ruslando.

## Solvo de la kvizo

En IĴ 3/95 sur p. 11-12 Bernard Golden priskribis engaĝitan esperantiston-ĵurnaliston kaj vi devis eltrovi la nomon. Jen, por tiuj kiuj spite al ĉiuj klopodoj ne sukcesis: estis Edmond Privat (1889 - 1962) el Ĝenevo, Svislando. Laŭ li, cetere, estas nomita la Premio Privat de TEĴA.

Venis entute 31311 respondoj, el kiuj tamen nur 1438 estis ĝustaj. Ni do lotumis la nepromesitan premion, sed la lotomaŝino kolapsis, tiel ke bedaŭrinde ni ne povas atribui premion.



## Gazet-redaktoroj atentu! Ni petas vian subtenon!

*Kiel vi povas legi en la raporto pri la membrokunveno en Tampereo, la ĉeestantaj gazet-redaktoroj promesis helpi al TEĴA, varbante abonantojn por nia fak-revuo. Se ankaŭ vi volas subteni nin tiamaniere, vi povas uzi la tie ĉi presitajn anoncojn - aŭ eltondante aŭ fotokopiante ilin. Koran dankon!*

# Nekonformista gazeto

## Magazino, kies redaktoroj kritikas unu la alian

**La *Syûkan kin'yôbi* [Ŝuukan kinjoobi, Semajnulo *Vendredo*], lanĉita antaŭlastan jaron kiel nekonformista gazeto (vidu IĴ 1-2/94, p. 11 - 12), pri kiu germana inform-agentejo komunikis je ĝia starto, ke ĝi celas esti *Der Spiegel* de Japanio, ŝajnas jam enradikiĝinta en la ĵurnalisma pejzaĝo de tiu ĉi lando.**

La enhavo tamen ne estas priskribebla en malmultaj vortoj, tre bunta, de diferencaj, eĉ unu kun alia interbatalantaj, tendencoj kiuj senorde puŝiĝas; la ses- aŭ sep-kapa redakcio neniel havas unuforman sintenon pri nombraj sociaj problemoj, tute alia ol ĝia modelo iam sub la domina figuro de *Augstein*. Mi ĉi tie raportos, por ke la legantoj komprenu karakterizon de la magazino, polemikon ĉirkaŭ la Nobel-premiito *OOE Kenzaburô*.

### Favora al esperantismo

En la redakcio sin trovas televid-komentariisto, *TIKUSI Tetuya* [Ĉikuŝi Tecuja]. La ĝenerala tono de *Vendredo* estas iom favora al la esperantismo, kaj aperis kelkajn fojojn artikolaroj pri la anglalingva imperiismo. Al *Tikusi* ne plaĉas tio. Li verkis en sia kolumno (li havas sian kiel redaktoro) plurajn artikolojn, asertante ke imperiismo estas agreso, sed ke la amaso volonte akceptas la anglan, do ĝi ne ekzistas, kaj ke li kiel ĵurnalisto utiligas la anglan kiel oportunan ilon por intervjui alilandanojn: eterne sama argumento de kontraŭesperantistoj.

Ni tamen ne havas tempon por malŝpari pri tiu ĉi parolanto de aĉa angla (mi ne scias ĉu aĉa aŭ ne, ĉar mi ne vidas televidon malgraŭ mia TEĴA-membreco, sed mia edzino diras tion). Al niaj ŝafoj do.

### Dekstrulaj eldonejoj

Unu el la redaktoroj estas *HONDA Katuiti* [Kacuiĉi], renoma kontraŭestablaĵa ĵurnalisto, kies *Vilaĝoj en batalkampo*, libro de persekuto al usonaj agoj en Vjetnamo, kaj aliaj estas disponeblaj en esperanta traduko de profesoro *KONISI Gaku*, nova Akademiano, kaj mi aldonu: esperantisto. Li kondamnis en la revuo *Ooe* kiel hipokritulon, kiu evitas seriozan lukton kontraŭ la kultura monopolo. *Ooe* estas konata kiel ĉampiono de la paco, kaj multfoje iniciatis kaj subskribis alvokojn por la paco kaj kontraŭ nuklea armado, sed neniam ĉesis, laŭ *Honda*, kunlabori kun dekstrulaj eldonejoj kiel *Bungei syunzyû* [Bungej ŝunĝuu – Literaturo, printempo kaj aŭtuno] aŭ kun *Sintyôsya* [Ŝinĉooŝa – Nova tajdo]. Tiuj ĉi estas fifamaj kiel kalumniantoj de la atingoj demokrataj postmilitaj kaj instigantoj de reakciaj tradicioj. Ili publike neis, ekzemple, la fakton de masakroj de centmiloj da ĉinoj fare de okupintaj japanaj soldatoj en Nankino en 1938, ĝuste kiel novnazioj diras ke la holokaŭsto ne ekzistis.

### Protesto ŝajna

*Ooe* eksiĝis de la komisiono de la premio *Akutagawa* en gesto, kiu ŝajnigas ke li faras tion en protesto kontraŭ la politiko de la aŭspicianto de la premio, *Bungei syunzyû*. Parenteze, tiu premio, memoriganta la noveliston *AKUTATAWA Ryûnosuke*, estas probable la plej prestiĝa por debutantoj en la literaturo en Japanio. *Ooe* mem gajnis reputacion per tiu premio. *Ooe* sendis leteron al la komisiono eksplikantan la motivon de sia demisio, sed en ĝi li mencias nur individuajn, priliteraturajn kialojn, kiel li volus cedi seĝon al pli juna generacio, nenion decide protestan. Post kelkaj jaroj, li residis en la komisiono.




*Bunta kaj plurtendenca: Vendredo*

Li amas pozi kaj esti akceptata kiel pacifisto, sed ne volas disiĝi de la establaĵo, ĉar tio implicas monan profiton. Lia arogo ne intervjuiĝi krom kun la librejo *Iwanami* kaj la ĵurnalo *Asahi* estas vaste konata, *Honda* diras. Ambaŭ simbolas katedran, „progreseman" aŭtoritatismon en Japanio.

### Premio rifuzita

Post la Nobel-premio, la japana registaro konsternite aljuĝis al *Ooe* ordenon de Kulturo, la plej prestiĝan en Japanio. Certe estas nombro da pli altrangaj ordenoj, sed ili estas por kadukaj eksburokratoj, entreprenistoj, politikuloj, la popolo komprenas ke nur la Kultur-ordeno havas korelativon kun meritoj de ricevantoj. Mi opinias ke la propono de la Kultur-ordeno neniam estus farita sen la Nobel-premio, tiel estas klara, kontraŭ asertoj de *Honda*, la politika kolorigo de *Ooe* por ke la ministrejo de edukado faru tion. *Ooe* rifuzis ĝin, dirante ke li ne povas akcepti ĝin kiel infano de la postmilita demokratio. Tio kaŭzis ŝtormeton en ĵurnalisma taso. Kiel ĉiu antaŭvidis, dekstruloj bruis ke tio estas *lèse-majesté* (majest-ofendo – red.), ĉar ordenojn donas, sufiĉe stulte, la imperiestra moŝto.

Tie *Honda* sin donas al diatribo (riproĉo, prediko – red.) kontraŭ la premio Nobel: ĝi enkorpigas eŭrocentrismon, ĝi estis, en la sekcio literaturo (*Honda* cedas objektivecon al la sekcio pri naturaj sciencoj), jen kaprica jen politika (por ne paroli pri la premio Paco: rigardu *Henry Kissinger*), ricevis ĝin nur verkoj tradukitaj en grandaj eŭropaj lingvoj. *Ooe* devus malakcepti ĝin, kiel *Sartre*, li, anstataŭe, plezure ricevas ĝin el la mano de la sveda reĝo, kaj rifuzas maldegne

ordenon japanan. *Honda* portempe forgesis antipation al la japana monarkio kaj proksimiĝas al ŝovinistoj.

**Humiligo**

*Honda* demandas kiu eŭropa literaturisto humiligus sin per akcepto de fremdlanda premio, lekante la manon, aŭ ion alian, de japana reĝo: tiu tute ne bezonas tian agnoskon fare de flavaj barbaroj. Al mi ŝajnas ke *Ooe* kondutis kiel iu ajn mediokrulo, akceptinte Nobelon kaj rifuzinte Kulturon. Snobismo kuŝas en ĉiu grandulo. *Honda* devus havi toleremon al la piteco de homo. Ĉu li ne preferas esti ĵurnalisto de *Asahi* ol redaktoro de la *Revuo orienta* (Noto por neinicitoj: organo de la Japana Esperanto-Instituto)? Se *La Rochefoucault* estus perfekte libera de memamo, li ne estus verkinta la *Maksimoj. Sartre* povis rifuzi Nobelon, ĉar li estas pli granda ol Nobelo, sed *Ooe* ne.

**Kritiko de kolegoj**

*Honda* publikigis serion da artikoloj, kaj legantoj reagis, por kaj kontraŭ. Eĉ iuj el liaj kolegoj en la redakcio ne samopiniis. *SATAKA Makoto*, simpatianto de esperanto, kiu estis plurajn fojojn ŝlosilparolanto ĉe esperantaj eventoj, skribis ke li ŝatas la sintenon de *Ooe* kiel pacamanto ĉar malamiko de malamiko estas amiko. Multaj kritikis *Honda*, rimarkigante ke *Honda* mem laboris ĉe la ĵurnalo *Asahi*, kiun li kondamnas kiel komplicon de la registaro. Al tio *Honda* respondis ke li batalis sine de *Asahi*, kaj ke li utiligis tiun ĉi kiel bastionon por lia rezisto. Se tiel estas, legantoj demandis, *Ooe* ankaŭ utiligis taktike *Bungei syunzyû.*

En tiu punkto, la vortoj de *Honda* kaj liaj apogantoj ne estas nete tranĉaj. La esperantisto *YUI Tyûnosin* [Ĉuunoŝin] sin bruligis antaŭ la japana parlamento proteste al la registara politiko kunlaboranta kun la usona milito en Vjetnamo. Se iu deklaras ke kiu ne faras samon kiel *Yui* estas perfidulo, kion dirus la aliaj? Homoj faras laŭ siaj individuaj kapablo kaj konscienco, kaj neniu povus kondamni ilin, ĉu ne? Oni povas trudi „moralon de virtuozo“ (*Max Weber*) al neniu.

Kaj la polemiko daŭras.

YAMASAKI Seikô

---

## METIEJO

***Ĵurnalistikaj aferoj***



# La utilo de diktafono por verkistoj kaj ĵurnalistoj

**de Bernard Golden**

Esperantistoj, kiuj legas miajn multenombrajn verkojn en dekoj da periodaĵoj publikigitaj tra la tuta verda mondo, ofte demandas: „Kiel estas eble al vi daŭre kaj regule surpaperigi ilin? Ĉu ekzistas iu sekreta procedo, kiu faciligas esprimadon per la skriba vorto de tiom da publicistikaj artikoloj, fak-studaĵoj, recenzoj, noveloj, teatraĵoj, polemikaĵoj k. a.?“ Nu, tute ne temas pri posedo de magia potenco, kiu efektivigas la bezonatan materialon per simpla svingo de iuspeca sorĉista bastono. Miajn labormetodojn karakterizas nek mirindaĵoj nek mistifikado sed intensa, tute natura mensa agado.

Kreado de la unua verko estis la plej malfacila paŝo, same kiel la nasko de la unua bebo ĉe patrino, kiu poste pli facile enmondigas dekon da ili. Iom post iom mi ellaboris sisteman manieron kolekti kaj racie ordi faktojn, kernajn konceptojn, temojn, intrigojn – ĉiuspecan „krudmaterialon“ – kiu en la estonteco servos al mi kiel enhavo de verkoj, kiam la ĝusta okazo por publikigo prezentos sin.

**Tuttaga okupo**

Same kiel ĉe multaj aliaj aŭtoroj, ankaŭ por mi verkado estas tuttaga okupo, neniel limigita al la horoj, kiujn mi pasigas antaŭ mia skribmaŝino. Efektive, ĝi estas agado disvolviĝanta seninterrompe en la menso, kie ajn mi estas; sekve konstante alvenas novaj inspiroj por diversspecaj verkoj. Estas bezonata rimedo registri tiujn pensojn antaŭ ol ili estos forgesitaj.

En la pasinteco mi dependis de notoj skribitaj sur slipoj, sed tiu procedo ne ĉiam estas oportuna, kiam mi estas for de mia skribtablo, ekzemple promenante surstrate aŭ starante en moviĝanta aŭtobuso, kiam krajono kaj papero skuiĝas pli ol veturilo.

Tiaj problemoj tuj malaperis, kiam mi akiris diktafonon, aparaton, kiu en tre praktika maniero faciligis kaj rapidigis la produktivecon de mia krea laboro. Ĝi estas poŝformata kasedomagentofono, kies dimensioj estas 12 x 8 x 3 cm kun pezo de 300 gr, kaj ĝi funkcias per du 1,5-voltaj AA-tipaj piloj. Tiel, tiu nelacigebla „sekretario“ ĉiam povas esti kun mi. Nokte en la lito mi ne plu devas palpserĉi skribilon kaj paperpecojn. Estas necese nur premi la ŝaltobutonon kaj paroli same senĝene, kiel oni povas telefoni en mallumo.

Diference de la situacio, en kiu trovas sin tiuj aŭtoroj, kiuj la sekvan matenon alfrontas kaprompan taskon deĉifri slipajn notojn surskribitajn sen lumo, tiu problemo ne ekzistas por mi. Ĉio sur la sonbendo estas same klare aŭdebla, kiel en la momento de registrado. La diktafono akompanas min ankaŭ al bibliotekoj, kie, sidante en izolita angulo kaj konsultante librojn uzeblajn nur surloke, mi registras notojn kaj ankaŭ tutajn paĝojn da teksto same rapide kiel mi voĉlegas.

**Paŝoj al plena kreado**

Por atingi la stadion de komponado de koheraj malnetoj de artikoloj kaj beletraĵoj, mi sekvas jenajn paŝojn. Antaŭ mia skribmaŝino mi aŭskultas la sonbendojn kaj transskribas sur apartaj slipoj aŭ folioj la notojn rilatantajn al ĉiu specifa temo. Tiujn embriojn de verkoj mi kolektas en kovertoj, kiuj siavice trovas lokon en aktujoj dediĉitaj al

konkretaj verkoj aŭ temkategorioj. Tiel, kune akumuliĝas skemoj de verkoj, citaĵoj, bibliografiaj referencoj, provizoraj titoloj kaj ankaŭ tekst-fragmentoj.

Kiam venas tempo proponi artikolon, novelon aŭ teatraĵon al redakcio, mi devas nur malfermi la aktujon, aranĝi la slipojn laŭ konsekvenca ordo kaj ektajpi. La kontribuaĵo preskaŭ verkas sin mem. Eble unuavide la procedo ŝajnas iom mekanika sed ĝi neniam estas tute aŭtomata, ĉar ĉiam estas eble fari modifojn, aldoni novan materialon kaj poluri teksterojn, antaŭ ol la malneto atingas la maŝinskriban fazon de la laboro.

Iom post iom, per diligenta kolektado de diktafonaj bendoj, sliparoj kaj aktujoj, akumuliĝas multe da materialo pri plej diversaj temoj, do mi havas la eblon prilabori plurajn pecojn samtempe. Kompreneble, ne ĉiuj estas samnivele kompletaj; jen nur skizoj aŭ notoj pri intrigoj, jen manskribitaj malnetoj „maturiĝantaj" en tirkestoj, jen tajpitaj paĝoj atendantaj korektadon. Tiu ĉi labormetodo de multobla kaj simultana verkado donas la plej grandan rendimenton, ĉar daŭre atingas la finan stadion verkoj pretaj por publikigo. Aŭ mi povas ekstervice koncentri mian penadon sur verkon tuj bezonatan por plenumi urĝan peton de redakcio.

**Pesimismo pri la estonteco**

Responde al la demando, ĉu mi kapablas priverki la amason da ideoj, kiuj jam estas registritaj en diversaj formoj, mi devas pesimisme nei, ĉar la tempo neniam sufiĉos. Kiam mi rigardas la centojn da sliparoj, kovertoj kaj aktujoj plenŝtopantaj la bretojn kaj ŝrankojn en mia studĉambro, mi sentas preman frustron. Mi ja scias, ke neniam en la vivo de homo, eĉ multe pli juna ol mi, estos eble elĉerpe ekspluati tiun trezorejon de projektoj.

Eĉ pli konsterna aspekto de la situacio rilatas al la diktafono mem, kiu ne povas solvi la problemon. Kvankam tiu aparato ja obligas la rendimenton, ĉar estas eble verki pli da pecoj en malpli da tempo, ne estas perceptebla aŭ mezurebla malpligrandiĝo de la kvanto da materialo atendanta priverkadon. Kontraŭe, la tuto kreskas konstante, senĉese, nehaltigeble. Apenaŭ mi enpoŝtigas koverton kun kelkaj kontribuaĵoj, alvenas poŝtisto kun aro da freŝdataj leteroj kaj publikigaĵoj plenaj de artikoloj por prikomenti, eraroj por ĝustigi, polemikaĵoj por riposti, libroj por recenzi kaj kompostaĵoj por provlegi. Per nura fluglegado de tiu materialo dum la diktafono estas enŝaltita, mi povas plani verkojn pri pluraj novaj pritraktindaj temoj. Neniam estos fino.

---

## LINGVO

- ***Problemoj***
- ***Demandoj***
- ***Konsiloj***



# Misuzo de la sufikso „-ej"

### en Manlibro pri Politiko

**Procedo por taksado de vortaro**

La plej fruktodona maniero taksi la valoron de vortaro estas per konsultado dum sufiĉe longa tempo por bone koni ĝiajn utilajn kvalitojn kaj ankaŭ ĝiajn misojn kaj mankojn. Unu el la plej gravaj kriterioj de kompetenta leksikografia kompilado kaj redaktado estas interna konsekvenco de la enhavo. Tio signifas, ke vortoj, terminoj kaj esprimoj, interrilatantaj semantike kaj tiel formantaj sistemon, devas havi similajn formojn, se temas pri precize kreita planlingvo. Ju pli da malsimetriaj kaj misharmoniaj elementoj enestas en ĝi, des malpli ĝi estas facile kaj profunde lernebla.

Unu el tiaj stumbilgaj trajtoj de Esperanto rilatas al la ĝusta uzo de la sufiksoj „-ej" kaj „-uj" por pluformi radikojn signifantajn la titolon aŭ oficon de politika aŭ religia reganto aŭ administranto. La demando estas: per kiu sufikso oni formu la nomon de lia regata aŭ administrata teritorio kaj per kiu oni nomu la lokon, kie la koncerna funkciulo rezidas aŭ plenumas siajn taskojn?

Kvankam mi partoprenis ekde la komenco en la reviziado de MANLIBRO PRI POLITIKO (MpP), mi ne rimarkis la malsimetrian uzon de la du sufiksoj. Nur post kiam mi entreprenis trakribron de *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV) kaj *Grand Dictionnaire Français-Espéranto* (1), mi konstatis, ke tiu parto de la Esperanta leksiko estas karakterizata per pluraj anomalioj, t. e. nekonsekvence kunmetitaj vortoj. En tiu ĉi artikolo mi ĝustigos la erarojn, kiujn mi trovis sur la paĝoj de MpP.

**Difinoj de „-ej" kaj „-uj"**

La sufikso „-ej" signifas la lokon, kie agado okazas. Pluformeblaj radikoj povas esti verbaj (kuirejo, preĝejo), substantivaj (operejo, bovejo) kaj ankaŭ adjektivaj (densejo, senakvejo).

Unu el la signifoj de „-uj" estas lando loĝata de popolo montrata de la radiko (Polujo, Francujo), sed ankaŭ negentaj vortoj estas uzeblaj sammaniere (patrujo, Esperantujo, Sovetujo).

Rezulte de spontana, natura evoluo, la sama sufikso estas aplikebla al substantivoj signifantaj ne gentanon aŭ landanon sed funkciulon respondecan por la regado de specifa teritorio (princujo, dukujo, nobelujo). Ofte konfuzo okazas, kiam „-ej" estas uzata kun la nomo de politika estro por formi la nomon de lia administra regiono (dukejo, kalifejo) anstataŭ la pli ĝustaj formoj (dukujo/duklando, kalifujo/kaliflando). La vortformoj kun „-ej" devas signifi nur la konstruaĵojn, kie la funkciulo loĝas aŭ plenumas sian laboron.

**Ĝusta uzo de „-ej" en MpP**

Ni nun rigardu, kiel vortoj kun la du sufiksoj estas traktitaj en MpP. Ĉar difinoj akompanas la artikolvortojn, ne povas esti dubo pri iliaj signifoj. La numeroj resendas al la kolumnoj en MpP.

1. **administrejo** – Palaco (311) estas difinita kiel konstruaĵo, „kie situas la administrejo de grava ŝtata aŭ urba instanco".

2. **ambasadejo** (16) – la oficejo de ambasado

3. **ambasadorejo** (16) – la rezidejo de ambasadoro

4. **ministrejo** (273) – la sidejo de ministro kaj ties tuta oficistaro

5. **nunciejo** (291) – la domo kaj administracio de la nuncio

6. **prefektejo** (334) – „La prefektejo troviĝas en bela renesanca palaco."

7. **rezidejo** (16) – La rezidejo de ambasadoro estas ambasadorejo

**Malĝusta uzo de „-ej" en MpP**

La sekvaj tri vortformoj montras eraran uzon de „-ej"; ili ne rilatas al administrejoj aŭ rezidejoj sed al teritorioj aŭ registaroj.

1. **grafejo** (143) – lando iam regata de grafo. La ĝusta vorto estas grafujo aŭ graflando; grafejo = palaco, domo.

2. **sultanejo** (411) – sultanejo de Brunejo. Temas pri sultanujo aŭ sultanlando de Brunejo; sultanejo = rezidejo

3. **ŝogunejo** (414) – ŝogunaj registaroj (en Japanio). Ili estas la ŝogunujoj aŭ ŝogunlandoj de Kamakura, Asikaga kaj Tokugawa. La dua ŝoguna registaro aŭ potenco havis sian sidejon en la kvartalo Muromati en Kioto. Tiu sidejo devas nomiĝi ŝogunejo. Ĝi estis la rezidejo de la estro de la jurisdikcio de samurajoj, t. e. de la ŝogunujo.

**Ĝusta uzo de „-uj" en MpP**

1. **emirujo** (111) – „elektoj al la parlamento en la emirujo". Sinonimo estas emirlando: Federacio de Arabaj Emirlandoj

2. **episkopujo** (115) – „En mezepoko episkopo ofte estis suvereno de lando, kiun pro tio oni nomis episkopujo."

3. **prefektujo** (334) – „Tiu ĉi estas la plej granda prefektujo de la lando –› distrikto."

Rimarku, ke la radikoj „episkop-" kaj „prefekt-" ilustras perfektan simetrion; kvankam „episkopejo" mankas en MpP, ĝi estas registrita en PIV.

Bernard GOLDEN

Notoj

1. Bernard GOLDEN. Kie regas kaj rezidas la kalifo? *Kajeroj el la Sudo.* 1993, n-ro 18, pĝ. 15-17.

2. Bernard GOLDEN. Nekonsekvenca kaj mankhava nomado de regataj teritorioj kaj sidejoj de regantoj. *La Gazeto.* 1994, n-ro 55, pĝ. 20-24.

3. Bernard GOLDEN. Erara uzo de la sufikso „-ej" en *Grand Dictionnaire Français-Espéranto. Le Travailleur Espérantiste.* 1995, n-ro 202, pĝ. 10-12.

## Ĉu vi konas la historion de Esperanto-teatro?

1. En letero al kiu d-ro L. L. Zamenhof esprimis sian opinion pri graveco de Esperanto-teatro?
2. Kiam kaj kie estis prezentita la unua Esperanto-spektaklo? Kies verkon oni prezentis kaj kiun titolon ĝi havis?
3. Kiuj teatraĵoj estis prezentitaj dum la 1a Esperanto-kongreso en Bulonjo-ĉe-Maro. Kiu ludis?
4. Kie kaj en kiuj prezentadoj ludis Felisko kaj Leono Zamenhof?
5. Dum kiu Universala Kongreso sepektaklon esperantlingvan prezentis por la unua fojo profesiaj aktoroj? Kies verkon oni tie prezentis?
6. Kiajn meritojn pri Esperanto kaj E-teatro havas Emanuel Reicher?
7. Kiu fondis Esperantistan Vagabondan Klubon? Kie kaj kiam?
8. Kiajn rilatojn kun E-teatro havas Vasilij Nikolajeviĉ Devjatin?
9. Citu la titolon de unua epserantlingva dramverko. Kiu ĝin verkis?
10. Dum kiu UK oni prezentis unuafoje operon esperantlingve? Titolo?
11. Kiajn koneksojn havis Julio Baghy kun E-teatro?
12. Kiom da jaroj dediĉis Alexander Starke por E-teatro?
13. Donu titolon de E-kabaredo funkciinta en la 20-aj jaroj en Parizo.
14. Kiun nomon havis la fondinto de E-kabaredo, kies 100an naskiĝ-datrevenon la movado festis en 1994?
15. Dum kiuj UK-oj estis, de profesiaj aktoroj, prezentitaj: Natan la Saĝulo kaj Hamleto?
16. Dum kiuj UK-oj ne estis prezentitaj E-teatraĵoj?
17. Kiaj E-teatrotrupoj ekestis post la 2a mondmilito?
18. Citu po 5 nomojn de profesiaj kaj amatoraj eminentaj E-aktoroj.
19. Deĉifru mallongigojn ZAA, TESPA, IAT, BET, PIF.
20. Kie okazis E-Kulturaj Festivaloj, kie E-teatroj povis prezentiĝi?
21. Kiujn dramverkojn tradukis d-ro L. L. Zamenhof?
22. Citu 5 titolojn de originalaj E-dramverkoj.
23. Donu nomojn de plej eminentaj tradukintoj de dramverkoj al Esperanto.
24. Kiun E-teatraĵon vi pleje travivis, ŝatis?
25. Citu kelkajn nomojn de plej konataj recenzistoj de E-spektakloj.
26. En kiuj E-revuoj aperadis, aperas recenzoj pri E-spektakloj?
27. Kiuj spektakloj estis prezentitaj dum jubileaj UK-oj 1912, 1937, 1959, 1987?
28. Kiujn spektaklojn oni konsideras la plej eminentaj en historio de E-teatro?
29. Kies dramverkojn oni plej ofte enscenigadis dum UK-oj?
30. El kiaj fontoj kaj prilaboroj oni povas ĉerpi por ekhavi sciojn pri E-teatro?
31. Menciu nomojn de E-kulturagantoj verkantaj recenzojn pri E-teatraĵoj.
32. En kiuj E-revuoj aperadis recenzoj pri E-teatro en pionira periodo, intermilita kaj nuntempa?
33. Donu titolojn de plej popularaj E-kultur-revuoj dum la 100jariĝo.
34. Citu nomojn de redaktoroj de E-kulturrevuoj.

# Neglekto de ĵurnalistoj

En 1996 ni festos la centjariĝon de Esperanto-teatro. Okupiĝante pri historio de E-teatro, mi kun ĉagreno konstatas, ke en tiu branĉo ĵurnalista laboro okazas malbone kaj en pli fruaj jaroj de la movado estis pli bona.

Oni devus konsciigi, ke ekzistas diversaj formoj informi pri kulturaj eventoj kaj speciale teatro: raporto, recenzo kaj kritiko, kritika studaĵo. La afero estas grava, ne nur por konsciigi la skribantojn, sed ankaŭ por altigi la nivelon de legantoj kaj spektantoj de Esperanto-teatraĵoj. Laŭ mi la situacio estas pli ol malkontentiga, kio havas siajn sekvojn en Esperanto-kulturo. La spektantoj, ĝenerale dirite, estas kontentaj aŭdi esperantajn tekstojn en la scenejo, ne multe enprofundiĝante en la nivelo de la ludado, stilo, formo. Kompreneble, la malalta nivelo de la lingvoscio grandparte kontribuas al tio, en tre negativa senco. Aparte grava estas faka kaj laŭ artaj kriterioj kritiko, aprezo por la aktoroj kaj enscenigantoj.

Apude vi trovas liston de demandoj pri Esperanto-teatro. Estus bone, aperigi ĝin en viaj respektivaj gazetoj, sed eble estus ankaŭ bone, ke esperantistaj ĵurnalistoj mem provu ilin respondi.

Zofia BANET-FORNALOWA

# Dua lanĉo de malbeletra revuo

**Satiro dediĉita al Stefan Maul kaj Andrzej Pettyn**

### Historio de la revuo *Kloako*

En la decembra (1994) numero de *Esperanto* aperis artikolo pri la 25-a jubileo de *Literatura Foiro*, kiu jam havas vivodaŭron pli longan ol tiun de la fama *Literatura Mondo* aŭ *Norda Prismo*. Bedaŭrinde, unu el la plej nove projektitaj kultur-literaturaj revuoj, *Kloako*, ankoraŭ ne sukcesis festi la unuan datrevenon post sia lanĉprovo en 1983. La klarigo tiutempe estis apatio, skeptikeco, manko de intereso kaj eble ankaŭ nescio pri la nova periodaĵo. Nur du entuziasmuloj, juna viro el la ĉina urbo Urumĉi kaj polino el Olsztyn, respondis al la prospekto publikigita en unu el la numeroj de *Fonto*.

Ekzistas indikoj, ke nuntempe estas oportuna okazo relanĉi tiun multe bezonatan malbeletran revuon. Dum unuflanke pluraj Esperanto-revuoj kaj gazetoj ĉesis aperi en la lastaj jaroj – menciindas *Esperantisto Slovaka*, *La Espero el Koreio* kaj *Survoje* (eks-Sovetio) – aliflanke estas kuraĝiga la fenomeno de „feniksaj" gazetoj, kiel ili estas nomataj en artikolo en *Fenomeno* (marto 1995, pĝ. 5). Temas pri *Ruslanda Esperantisto* kaj *La Ondo de Esperanto*, ambaŭ antaŭrevoluciaj periodaĵoj, kiuj ne plu aperis sub la bolŝevista reĝimo. Nur lastatempe ili sukcesis renaskiĝi kaj nun ŝajnas havi eblon sane disvolviĝi.

*Norda Prismo*, tamen, ne havis sufiĉe da forto por sukcese resurekti post plurjardeka entombiĝo, kaj post la unuaj numeroj ankoraŭfoje malaperis. Tre esperiga estas la fondo de tute novaj revuoj por la klera publiko en Esperantujo kiel *Spektro* (Rusio) kaj *Riveroj* (Japanio). Tiuj eventoj pravigas la nunan provon ankoraŭfoje proponi al verkemuloj kaj amantoj de legado la revuon *Kloako*.

### La celoj de *Kloako*

La plano lanĉi novspecan malbeletran kulturan kaj literaturan periodaĵon estis la rezulto de zorga trarigardo de la jarkolektoj de *Fonto*, kiu indikis, ke enŝteliĝis en plurajn numerojn literaturaĉoj, kiuj – por ne uzi pli akrajn vortojn – poluas la kristalklaran fluadon de arta inspiro en tiu revuo. Kun la celo konservi la purecon de *Fonto* kaj garantii ties altan estetikan kvaliton, kelkaj klarvidaj literatoroj entreprenis fondon de nova revuo havanta la sonoran kaj odoran titolon *Kloako*. Tiu nomo ja sugestas, en kiu maniero la enhavo de la nova senkultura subliteratura periodaĵo diferencos disde tiu de *Fonto*, do okazos neniu konkurenco inter la du.

Laŭ deklaroj de la redaktoro kaj eldonisto de *Fonto*, pli da materialo estas ricevita ol estas bezonata por plenigi dek du numerojn ĉiujare. *Kloak*-anoj proponas, ke la redakcio de *Fonto*, uzante tre severajn literaturajn kaj lingvajn kriteriojn, elektu nur la plej elstarajn kontribuaĵojn por publikigo en sia revuo. La restanta fatraso konvenos por fari *Kloako* la plej ampleksa revuo dediĉita al malbeletro en la tuta Esperantujo. Tiel *Kloako* funkcios kiel defluilo por liberigi *Fonto* de ĝiaj prozaj kaj poeziaj poluaĵoj. Alia celo de *Kloako* estas altigi la normojn de ĉiuj aliaj literatur-kulturaj periodaĵoj en Esperantujo per enkanaligo ankaŭ de iliaj netaŭgaj kaj subnormaj kontribuaĵoj.

### Superdemokrata redakcia politiko

Estis planite, ke la redakcia politiko de *Kloako* estos plej demokrata kaj justa. Publikigebla estas ĉiu peco en iu ajn ĝenro, kondiĉe ke ĝi estas verkita en rekonebla Esperanto. Strikta Fundamenteco de lingvouzo ne estas postulata por ne malhelpi liberan esprimadon de tiuj kunlaborantoj, kiuj ankoraŭ ne sukcesas primajstri gramatikajn subtilaĵojn sur la Akademia nivelo, aŭ kiuj scias pli bone ol Zamenhof, kiel la gramatiko de la lingvo devas esti. La peza mano de la redaktoro ne minacos verkojn, sanktajn kaj karajn al la propraj aŭtoroj, per blu- aŭ ruĝkrajonaj trastrekoj kaj rimarkoj.

Respektataj estos la inteligenteco kaj talento de kontribuantoj, kiuj verŝajne scias, kion ili volas diri kaj kiel plej efike esprimi tion en skribita formo. Eĉ se nur unu homo – ekzemple la aŭtoro mem – povas kompreni la enhavon de iu verko, tio sufiĉas por savi ĝin de forĵeto en la abismon de forgeso. Se hazarde alvenas kontribuaĵo, kies lingva kaj arta nivelo estas tro alta por *Kloako*, la redakcio rezervas la rajton rifuzi enkloakigi ĝin por ne kompromiti la revuon.

Manuskriptoj povas esti preparitaj laŭ la persona gusto kaj bontrovo de aŭtoroj – manskribitaj aŭ tajpitaj, kun aŭ sen interspacoj, sur unu

aŭ ambaŭ flankoj de iu ajn paperformato, per la latina aŭ la kirila alfabeto, ktp. Se la teksto ne estas kompostebla, la verko estos faksimile presita en sia originala formo.

**Konstantaj rubrikoj**

*Kloako* enhavos la sekvajn konstantajn rubrikojn.

1. **La redakcia rubujo.** Estas sciate, ke redaktoroj, kiuj rifuzas publikigi verkojn, havas la malagrablan kutimon forĵeti ilin en sian rubkorbon. Komisiitoj de *Kloako* malplenigos tiujn rubujojn por akiri por *Kloako* valoran materialon, kiu alimaniere estus perdita por ĉiam.

2. **Miaj unuaj verkoj en Esperanto.** En tiu ĉi rubriko aperos la junaĝaj banalaĵoj de aŭtoroj en Esperantujo, kiuj ĝis nun saĝe hezitis publikigi tiujn fiverkojn. La rubriko estos tre utila por esploroj pri la Esperanta literaturhistorio, ĉar ĝi montros, ĉu certa verkisto evoluis, regresis aŭ nur stagnis.

3. **Angulo de komencantoj.** En ĝi estas bonvenaj verkoj de novicoj, kiuj, fininte la unuan kurson, sentas nerezisteblan urĝon esprimi sin kreive en la Internacia Lingvo.

4. **El la ŝimo kaj polvo.** Tiu ĉi rubriko konsistas el ankoraŭ ne publikigitaj manuskriptoj, kiuj longe ŝimis en aŭtoraj tirkestoj aŭ dum jaroj flaviĝis sub tavolo da polvo en subtegmentejoj.

**Rilatoj inter *Kloako* kaj Esperantista Verkista Asocio (EVA)**

Esperantlingva Verkista Asocio (EVA) estis fondita en 1983 fare de Tibor Sekelj, kiu fariĝis la unua prezidanto. Li klarigis, ke povas aliĝi al la nova organizaĵo ne nur sperthavaj verkistoj en Esperantujo, kiuj jam sukcesis publikigi siajn verkojn, sed ankaŭ novicoj, kiuj, por uzi la esprimon de Sekelj, „staras antaŭ la pordo“ kaj bezonas helpon evoluigi sian verk-kapablon. Tiel li sukcesis ŝveligi la membro-etaton de EVA per homoj, kiuj posedas plumon kaj paperon sed ankoraŭ ne talenton. *Kloako* proponas, ke tiuj homoj sendu siajn skribaĵojn por publikigo. Cetere, la nova revuo volas allogi ankaŭ tiujn ulojn, kiuj ne kapablas „stari antaŭ la pordo“ sed devas kaŭri ĉe la malantaŭa pordo, ĉar ili estas duon-analfabetoj. *Kloako* ja havas sufiĉe ampleksajn kanalojn por ensorbi ĉiujn kaj ĉion.

**Kloako**

**Malbeletra revuo**



*Niaj konstantaj rubrikoj:*

***La redakcia rubujo***

***Miaj unuaj verkoj***

***Angulo de komencantoj***

***El la ŝimo kaj polvo***

Se la dua lanĉo de *Kloako* alportos fruktojn, estas eble, ke ĝi fariĝos la oficiala organo de EVA kaj tiel eliminos la anomalian paradokson de esperantista verkista organizaĵo sen la propra fakperiodaĵo.

**Alvokoj**

Ĉiujare la redakcia komitato de *Kloako*, kunlabore kun EVA, organizos konkurson por premii la Malverkon de la Jaro, t. e. la plej malaltkvalitan beletran senvaloraĵon publikigitan dum la antaŭaj dek du monatoj. La aŭtoro ricevos la *Kloak*-medalon, malgrandan gisferaĵon en la formo de kloaka luko.

La relanĉ-komitato de *Kloako* alvokas ĉiujn fuŝverkantojn kaj aŭtoraĉojn al kunlaboro. Ili ne sendu manuskriptojn nun sed per poŝtkarto informu pri siaj ebloj materiale kaj morale apogi la revuon kaj menciu la ĝenrojn, pri kiuj ili estas plej kompetentaj, eventuale listigante titolojn de kelkaj verkoj, kiuj jam estas pretaj por publikigo.

Bernard GOLDEN

**Prezidanto de la Relanĉ-komitato de *Kloako***

# REVUO

## *de revuoj*

### Monato

internacia magazino sendependa

En detala artikolo en n-ro 9/95 Simono Pejno, aŭtoro de Ĉapelilo, priskribas la problemojn de vortdivida programo por komputiloj. Malbona konkludo por redaktoroj: vere taŭga programo por dividi vortojn en Esperanto estas tiom ampleksa, ke ĝi superas la kapaciton de ordinara komputilo. – En la sama numero Paul Peeraerts informas pri la eblecoj, ĉifri elektronikan poŝton.

### Sennacieca Revuo

Ankaŭ la ĉi-jara eldono ofertas buntan bukedon da interesaj artikoloj, ekz. pri la virino en la paleolitika arto, edukado dulingva kun Esperanto, la interna ideo de Zamenhof kaj nekrologo pri Reto Rossetti.

### Regione

inter la E-revuetoj eble estas tiu kun la plej nekutima formato: 8 / 20,5 cm. Ĝi estas Brazila Organo Delegitreta – laŭ nia scio unika; aŭ ĉu en alia lando ekzistas speciala gazeto de UEA-delegitoj?

### Eŭska Kverko

„pro troa okupiteco de la redaktoro“ devis ĉesi por kelka tempo. Anstataŭe abonantoj ricevas KUSPE, organon de Eŭska Esperanto-Asocio.

☆☆☆

**Jen kaj jen la redaktoron de *Internacia Ĵurnalisto* atingas peto pri interŝanĝo kun alia revuo. Denove ni atentigas, ke IĴ ne povas akcepti interŝanĝon, ĉar tiukaze ni devus fermi la butikon: ja granda nombro de niaj membroj estas redaktoroj. Se vi volas, ke ni menciu vian gazeton en tiu ĉi rubriko, vi devas senpage sendi ĝin al ni.**